26ª Jaro - Nº 1-2-3 (272-3-4) Jara Kotiz-Abono Fr 35,— Jan.-Feb.-Marto 1940ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

DIREKTORO :
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK-ANTVERPENO

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista



Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

**Oni alvokas vin !**

## Al nova Laboro ni pretiĝu !

Unu jaro forpasis de nia bela Kongreso en Loveno, kiu havis sian gajan apoteozon en tiu grandioza ekspozicio de Lieĝo, kie ni, el la portilo de la ŝnurvagonareto, povis havi sintezan alrigardon al tio, kion kapablas kunigi la homa spirito, kiam ĝi volas, intense kaj profunde, la kunlaboron de ĉiuj.

Post la malgajaj tagoj, kiujn ni jam estis travivintaj kelkajn monatojn antaŭe, ni kun ĝojo revivis plenesperaj en pli bela estonteco

Kaj jen ! Kiam ni, post bonaj libertempaj tagoj, prepariĝis al nia ĉiujara aŭtuntempa semado; kiam en la grupoj, oni ekpridiskutis la propagandrimedojn, kiujn oni uzos dum la vintro, subite eksplodis la Milito, feliĉe ne jam en propra lando, sed tutapude tamen ĉe niaj limoj !

Kaj la belaj planoj tuj iĝis ne plu efektivigeblaj. En ĉiu grupo mankis, post kelkaj tagoj jam, la personoj, kiujn ni intencis meti en tiun aŭ tiun ĉi postenon ; al kiu ni volis konfidi tiun ĉi aŭ alian taskon.

Kaj, pro la subiteco de la okazintaĵoj, la rado ankaŭ subite haltis. En la Ligo precipe, kiu devis kunigi la klopodojn, gvidi la paŝojn de ni ĉiuj aparte farotajn, la leviloj estis forprenitaj el la manoj, kiuj alkutimiĝis ilin funkciigi.

Kaj nia oficiala movado stagnis.

Sed nun, unu jaron post nia antaŭa jarfesto, ni ree staras en tiu periodo, dum kiu, ni jam de jaroj, kutimas kunveni por ekzameni la situacion.

Kaj alvoko iras tra nia tuta lando, al ĉiuj samideanoj, kiuj sentas ankoraŭ en si la idealon, kiu estas nia komuna bieno.

Alvoko, al kiu multaj el ni devas nepre respondi, se ni volas, ke nia movado, kiu jam haltis, ne mortu !

Multaj el ni efektive devas esti en Bruselo dum la proksimaj Pentekostaj tagoj, ne por laŭte festi, sed por retrovi en la atmosfero de la solena kunsido; en la babilado kun amikoj el diversaj urboj, la necesan forton, ne nur por daŭrigi la laboron, sed por iniciati, okaze de la venonta vintro, novan grandegan propagandon.

Se, en Septembro pasinta, la psikologia momento por la propagando jam forpasis, kiam ni efektive sciis, kio okazis al ni ; kiam ni klare vidis la truojn en niaj rangoj, tiu ĉi aserto, tiu ĉi senkulpiĝo ne plu valoros por la proksima vintro.

Ni havas, jam de nun, la okazon por inviti al kunlaboro en vakanta loko, alian, eble pli junan aŭ pli novan samideanon, kiu, eble montros al ni neniam esperitan laborkapablon, kiu restigos lin, ankaŭ poste, en la honora kolono de la ĉefpropagandistoj de nia movado.

Ni ne diru, ke ne estas la momento por propagandi. Ni ne dubas, ke malfacilaĵoj kuŝas sur nia vojo. La medioj, kie ni ordinare laboris eble ne estos tiuj, kiuj nun fruktojn donos. Sed, en tiu okazo, ni serĉu aliajn mediojn, aliajn okazojn por semi.

La petoj vere ne malofta j, por ne diri multnombraj, kiuj alvenis ĉe niaj propaganda kaj komerca instancoj, de soldatoj «ie en Belgujo», montras ke la espero, kiun la homaro rajtas meti en pli bona estonto, kaj al kies efektivigo Esperanto multe povas helpi ĉiam kuŝadas en la fundo de la koro de l'homo, eĉ de tiuj homoj, kiuj, for de l'hejmo, for de l'edzino kaj infanoj, devus, laŭsajne, esti la plej senesperaj.

Ni havu fidon, kiel niaj soldatoj, ne nur en la bona laboro, kiun faras nia armeo, protektante niajn landlimojn, sed fidon ankaŭ, en pli bela estonto ! Kaj ni helpu al ĝia efektivigo per niaj rimedoj : la propagando por Esperanto !

Maur. JAUMOTTE.

Ĉu vi jam repagis
VIAN KOTIZON ?
Ĉu vi jam aliĝis
AL KONGRESO ?
**FARU TUJ !**

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## LA NEREGULA APERO DE NIA ORGANO

Nia organo, kiu dum diversaj jaroj estis modelo de reguleco, rilate al la aperdato, nun tute ne plu regule aperis!

Por tiu bedaŭrinda deflankiĝo, estas tri kialoj:

1. La mobilizacia atmosfero, kiu perdigis al la Ligo diversajn el siaj plej regule laborantaj helpantoj, dum la aliaj estas superŝutataj per pli pezaj profesiaj zorgoj. Kontraŭ tiu ĉi malhelpo, rimedo estas tamen trovebla, estas trovota kaj estos ankaŭ trovata!

2. La grava falo de la membronombro, kiu, se ne malebligas, tamen, en terura maniero, pli-malfaciligas la eldonon de monata revuo.

3. La samtempa plialtiĝo de la prezoj de presado kaj speciale de la papero, kiu, post la translokiĝo de la milito al la Nordo, iĝas nun tiel malfacile akirebla, ke eĉ la tagaj ĵurnaloj devas jam nun antaŭvidi la aperigon, en malpli ampleksa formato.

La nunaperanta numero escepte portos la nomon de tri monatoj, — la tri unuaj de la jaro —, kaj je la fino de la monato Majo aperos dua numero, kiu ankaŭ havos similan indikilon.

Poste nur, ni povos vidi, je la nombro de la tiam repagintaj membroj kaj je la tiam ekzistontaj prezoj, kion ni povos fari.

La membroj, kiuj jam repagis kaj tiuj, kiuj ankoraŭ repagos, ne grumblu pri la maloftiĝo de la apero; ne bedaŭru la monon pagitan kaj kiu, laŭ normala kalkulo, ne estas plene redonata, tiun ĉi jaron, per la ricevo de dek aŭ dekdu numeroj.

Ili, kun ni, ĝoju, ke nia Lando restas ekster la Milita Teruraĵo kaj ke, eble en iom stagna formo, nia movado tamen povas daŭri en nia kara lando.

Kaj ili helpu ĉiu, laŭ siaj rimedoj, por ke la gvidantoj kapablu eligi la movadon el la stagna koto.

***

### La XXIXa Belga Kongreso en Bruselo

En antaŭa numero, ni jam skribis ke neniel ni povus organizi nian Kongreson tiun ĉi jaron en Tornako, kiel ni antaŭvidis je Pentekosto de pasinta jaro.

La nura rimedo por kuniĝi, en tiuj ĉi malfacilaj tempoj, la samideanaron, estas ŝparigi al ĝi kiom eble plej multe da mono.

Tial la estraro de R.B.L.E. decidis, peti la Esperantistan Bruselan Grupon, ekzameni ĉu ne estus eble, organizi malgrandskalan Kongreson en Bruselo.

Tuj L.K.K. kunmetata el S-roj D-ro R. Maes, Swinne kaj Vanderstempel eklaboris, kaj ni havas la ĝojon, informi la samideanojn, ke jena programo estis kunmetata:

**SABATON, la 11-an de Majo:**

Malfermo de la akceptejo en Hotelo « Albert Ier », Place Rogier (Norda Stacidomo.)

Je la 18-a, en la akceptejo: Jarkunsido de Belga Esperanto-Instituto, Koopera Societo.

Vespere: Arta festo, sekvata de dancado, en kunlaboro kun « Flandra Ligo Esperantista », kiu havos ankaŭ sian Kongreson en la ĉefurbo.

Tiu ĉi festo, kiu konsistos el kantoj, muziko, teatraĵo kaj dancparto, okazos en « Brasserie Flamande ».

**DIMANĈON, la 12-an de Majo:**

Matene: Di-servo, kun Esperanta Prediko.

Oficiala Kunsido de R. B. L. E., en Hotelo « Albert Ier ».

Komuna Tagmanĝo, je Fr. 15 (trinkmono enkalkulita), en kunlaboro kun Flandra Ligo, en « Brasserie Flamande ».

Posttagmeze: Ekskurso al Tervueren (Kosto Fr. 4). Kontraŭe al la kutimo, programo ne estas antaŭvidata por la Lundo, post Pentekosto.

La pagoj de la kotizo (Fr. 10); de la dimanĉa tagmanĝo (Fr. 15) kaj de la ekskurso, povas esti farataj al la P.Ĉ.K. 732.79 de D-ro R. Maes, la prezidanto de la L.K.K.

Ĉi sube, ni memorigas la liston de la Honora Gvardio, kiu jam pagis sian kotizon por tiu ĉi Kongreso:

| | |
|---|---|
| **D-ro P. Kempeneers.** | **F-ino Kestens.** |
| **F-ino Y. Thooris.** | **S-ro Léon Schoofs.** |
| **S-ro M. Jaumotte.** | **F-ino Jennen.** |
| **S-ro André Tassin.** | **F-ino Nachtergael.** |
| **S-ro Ch. Poupeye.** | **S-ino Petiau.** |
| **S-ro L. Cogen.** | **S-ino L. Cogen.** |
| **S-ino Kempeneers.** | **S-ro R. Jaumotte.** |
| **S-ino Jaumotte.** | **S-ro Bramkamp.** |
| **S-ino A. Tassin.** | **S-ino Bramkamp.** |
| **S-ino Schoofs.** | **S-ino Elworthy-Posenaer.** |
| **S-ino Ch. Poupeye.** | **S-ro J. Van Goch.** |
| **S-ro A. Faes.** | **F-ino Cécile Faes.** |
| **S-ino L. Faes.** | **S-ro Decoster.** |
| **F-ino Jacobs.** | **F-ino Morrens.** |
| **F-ino Loquet.** | **F-ino Dubois.** |
| **S-ro F. Penninck.** | **F-ino Van Acker.** |
| **S-ro A. Tassin (filo).** | **S-ro Marcel Roost.** |
| **S-ro G. Van den Bossche.** | **S-ro De Hondt.** |
| **S-ino G. Van den Bossche.** | **S-ino De Hondt.** |
| **F-ino J. Verhelst.** | **F-ino Gruslet.** |
| **S-ro P. Nyssens.** | **F-ino Julia Plyson.** |
| **F-ino Nyssens.** | **F-ino Louise Plyson.** |
| **S-ro Rodeyns.** | **F-ino Cécile Willems.** |
| **S-ino F. Staes.** | **F-ino Mad. Willems.** |
| **F-ino Obozinski.** | **S-ro Timmermans.** |
| **S-ro F. Hasselier.** | **S-ro Douchamps.** |
| **S-ro Ach. Wauters.** | **S-ino Douchamps.** |
| **S-ro Moy Thomas.** | **S-ro Vandevelde.** |

## LA FAMILIO ZAMENHOF

De la monato de Septembro 1939, la Esperanto-movado restis sen informoj precizaj pri la familio Zamenhof.

La plej strangaj novajoj alvenis al ni, ĉu per Esperanto-gazetoj, ĉu per leteroj de eksterlandaj Esperantistoj.

La plej terura estis, ke unu el la membrinoj de la familio estis mortkondamnita de la Germanoj. Oni ne aldonis, ke la puno sekvis la kondamnon.

Tiuj novaĵoj igis nin, fari la necesajn paŝojn, por akiri iom precizajn informojn kaj F-ino Obozinski interrilatis kun la ĉefoficejo de la Ruĝa Kruco de Belgujo, kiu, post diversaj klopodoj, fine povis havigi al ni informojn, kiujn I.E.L., en sia oficiala bulteno de Aprilo, konfirmis jene:

**« Dro Adam Zamenhof, la filo de la Majstro, estas en malliberejo en Varsovio; lia edzino kaj liaj fratinoj Lidja kaj Sofio, estas en alia malli-**

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

Estimata Akciul(in)o,

Konforme al nia Statuto, kies artikolo, temante pri la ĝenerala jarkunveno, estas ŝanĝata, ni havas la plezuron inviti vin, ĉeesti la 11-an de Majo, je la 18-a h., en « Hôtel Roi Albert Ier », Rogier Placo, Bruselo, la ĝeneralan jarkunsidon de nia Societo, kun jena tagordo :

1. Aŭdi la raporton de la administrantaro.
2. Aprobi la raporton de la Administrantaro.
3. Aŭdi la raporton de la komisaroj.
4. Aprobi la raporton de la komisaroj.
5. Aprobi la bilancon kaj la kalkulon de profitoj kaj perdoj.
6. Kvitigi per du specialaj voĉdonoj la administrantojn kaj la komisarojn pro la plenigo de sia mandato.
7. Reelekti la administranton S-ron G. Van den Bossche.

Ni memorigas, ke la ŝanĝo en la statuto, ĉi supre aludata, antaŭvidas, ke, se dum la kunsido de la 11-a de Majo, nombro de akciuloj, postulata por la alpreno de iuj decidoj, ne ĉeestas, dua kunsido okazos unu semajnon poste, en la « Esperanto-Domo », en Antverpeno. Eventuale, ni jam invitas vin al tiu ĉi dua kunsido, pri kies kunvoko avertos vin la tagjurnaloj.

Je la plezuro, saluti vin baldaŭ ni prezentas al vi, Estimata Akciul(in)o, niajn sincerajn salutojn.

La Prezidanto,
Maur. JAUMOTTE.

## JARA BILANCO JE LA 31-a DE MARTO 1940

AKTIVO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Magazeno | fr. | 95.279,65 | |
| Meblaro | | 10.720,55 | |
| | | | 106.000,20 |
| Kaso, Banko kaj Poŝtĉeko | | | 273,76 |
| Garantiaj deponoj | | | 2.525,— |
| Kooperaj partoprenantoj | | | 35.004,04 |
| Statutaj deponoj | | | 3.700,— |
| Klientoj-Ŝuldantoj | | | 2.474,20 |
| Saldo | | | 60,85 |
| | | | **150.038,05** |

PASIVO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Socia Kapitalo | fr. | 107.300,— | |
| Laŭleĝa rezervo | | 3.800,— | |
| | | | 111.100,— |
| Amortizo | | | 26.950,— |
| Kreditoroj | | | 8.288,05 |
| Statutaj deponantoj | | | 3.700,— |
| | | | **150.038,05** |

## PROFITO- KAJ PERDO-KALKULO

DEBETO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĝeneralaj elspezoj | fr. | 20.750,49 | |

KREDITO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Profita saldo de la antaŭa jaro 1938-39 | fr. | | 4.139,83 |
| Magazeno | | | 6.635,76 |
| Presa servo | | | 4.240,70 |
| Diversaj | | | 1.621,95 |
| Rezervoj | | | 4.051,40 |
| Saldo | | | 60,85 |
| | | **20.750,49** | **20.750,49** |

---

**berejo en Polujo ; lia filo, Ludoviko, estas libera en Varsovio ».**

Ni scias, ke diversaj belgaj samideanoj jam sendis monon al oficejo de U.E.A., kiu, siaflanke, ankaŭ faras klopodojn, sed ni aldonas tie ĉi la alvokon de I. E. L. por helpi al la familianoj de nia Majstro !

« *Ni klopodas aranĝi, ke ili komencu novan vivon aliloke, kaj estas espero pri sukceso. La elspezoj, tamen, estos tre altaj kaj ni volonte ricevos donacojn por helpi al ili. Oni povas sendi ilin rekte al ni, aŭ, prefere, al la ĉefdelegito kaj perantoj por transsendo al ni. Se finfine la mono ne estus bezonata, ni resendus ĝin al la donacintoj. Jam ni ricevis pli ol 40 sterlingaj funtoj* ».

Al tio ni aldonas, ke pro la mobilizacia alvoko de la belga Ĉefdelegito S-ro Georges Van den Bossche, kiu, pro grava malsano, akirita ĉe l' milita deĵoro, nun kuŝas en la Hospitalo de Tornako kaj kiu malgraŭ tio tamen direktas la laborojn prikotizajn, ni petas ke, en nia lando, oni pagu al la P.Ĉ.K. de Belga Esperanto-Instituto Nº 1689.58.

La Instituto respondecos kontraŭ I.E.L.

Kaj ĉiam en la sama idearo, ni transskribas, el letero de la Ruĝa Kruco, al F-ino Obozinski la jenon :

« *Ni nun finstudas la demandon pri alsendo de pakajetoj al burĝoj en Polujo. Ĝis nun, la germanaj fervojoj rifuzis akcepti tiujn ĉi pakajojn, destinitajn al la okupaciitaj teritorioj de Polujo.*

« *La Ruĝa Kruco de Belgujo okupiĝis, de diversaj monatoj, pri la sendo de donacoj en mono al familioj en Polujo, plej speciale en la regionoj de Krakovio, Varsovio, Chestokova, Radom, Lublin, Lodz kaj, escepte, al kelkaj aliaj komunumoj. Tiu helpmono estas donacata al ni de polaj civitanoj, kiuj loĝas en Belgujo kaj kiuj deziras helpi siajn parencojn en Polujo. La mono devas esti pagata al ni en belgaj frankoj ; tiu ĉi estas ŝanĝata en Germanujo, je la kurzo de la Marko. La minimumo de la sumo, kiu povas esti sendata estas cent frankoj, + 2 % por la kostoj.* »

Tiu informo povas esti utila por helpi al aliaj samideanoj, sed por la Familio Zamenhof ni petas niajn legantojn, agi laŭ la supredirita maniero : pagi do al la P.Ĉ.K. de B.E.I.

# Belga Kroniko

En tiu ĉi numero, kiu aperas je dato, ne precize antaŭe fiksita, ni flankenlasas la programojn de la grupoj kaj ankaŭ la raportojn pri ties agado.

La programoj estas efektive jam malnovaj aŭ ne rilatas al periodo tuj estonta.

La raportoj, aliflanke, estas tro longaj por ke ni ankoraŭ povu pensi pri plenteksta enpreso. Ni interrilatos kun la sekretarioj de la grupoj, por ke ili, antaŭ la aperigo de la sekvonta numero, havigu al ni, pli resumajn raportojn.

## KONTRAŬ NEOLOGISMOJ

Sed el la raportoj, kiujn ni ricevis, ni volas ĉerpi la ĉi subajn liniojn, kiujn havigis al ni S-ro C. Vandevelde, prezidanto de la Gent'a Grupo.

Tiuj linioj rilatas al la teksto «La Ŝnuro», kiu aperis en la antaŭa numero, sub la rubriko «Literaturo» kaj kiun ni, tial, presis kun la ne-eraraj, sed efektive neoficialaj vortoj, uzataj de la tradukinto. Pri tiu teksto la raportanto de la Gent'a Grupo skribas :

« En lasta kunsido, oni legis « La ŝnuro », el « Le Spleen de Paris »; tiu rakonto iom mirigis, ĉar la grupanoj, kiuj regule ĉeestas la kunsidojn, kutimiĝis al nura uzo de radikoj enhavataj en la Universala Vortaro, kaj en ĝiaj oficialaj aldonoj ; ili havas la senton de la neceseco de unueco en la lingvo. Bona ekzerco estis : meti taŭgajn vortojn anstataŭ neoficialaj (sentimento, mistifi, transformi, bohemo, aperta, bruske, ekspliki, spago, ĉizoto, neglekti, asisti, impeti, spuro, beata). Fine estis esprimata la deziro ke, por eviti la trouzon de neoficialaj vortoj, estu diskonigata la malmultekosta « Oficiala Klasika Libro de Esperanto (kolekto de la Akademio) ». La nomo « Oficiala Klasika Libro » eble ne sufiĉe montras ke ĝi estas la listo, kun ekzaktaj tradukoj, de la radikoj enhavataj en la Universala Vortaro kaj en ĝiaj tri unuaj oficialaj aldonoj ; ĝi estas aĉetebla, je la prezo de 5 fr., ĉe Belga Esperanto-Instituto. Samtempe, estis esprimata la deziro, ke la kvara, la kvina kaj la sesa listoj de la novaj radikoj aprobitaj de la Lingva Komitato post la apero de la Oficiala Klasika Libro (1924), estu diskonigataj pere de « Belga Esperantisto », kiu tiel faros servon al la belga esperantanaro.

***

Kaj kun plezuro ni presas ĉi sube la liston, kiun ensendis S-ro Vandevelde, kun ĉi supra raporto :

**Listo de la radikoj enhavataj en la kvara, kvina kaj sesa aldonoj al la Universala Vortaro. (La Akademio decidis ke aliaj novaj radikoj ne estos akceptataj antaŭ la jaro 1940).**

La ciferoj montras la numerojn de la aldonoj al la U. V.

A. 4. Abituriento, abstini, akselo, aktuala, akvaforto, albino, aleno, allo, aluminio, amara, amoro, anilino, aŭtonoma; 5. Aviado; 6. Angoro, aperturo, aplombo, arbusto (botan), aŭguri, aŭreolo.

B. 4. Bireto, bis, bombasto; 5. Bremso, bulteno; 6. Baleto, bankiero.

CĈ. 4. Ceramiko, Ĉevrono (arhitekt.).

D. 4. Derivi (gramat., transit.), diluvo, dimensio, doko.

E. 4. Ekzakta, empirio, establi.

F. 4. Fagoto, fikcio; 5. Fono.

GĜ. 4. Genciano, genisto, grundo, Ĝemelo; 6. Gramofono, grego.

HĤ. Hegemonio, helico, hipnoto, humo; 6. Honorario.

I. 4. Imuna (med), inaŭguri, indekso, indigo, indiĝeno, inerta, inflamo (med), intelekto, intensa, inundi, inversa ; 6. ingredienco.

K. 4. Kalio, kalva, karbono, kastanjeto, kinino, klaĉi, kloro, kluki, knari, koincidi, kolizii, komisiono, kondicionalo (gr), konkeri, konsekri (rel), kontinua, korolo, kreditoro, kvereli ; 5. Kabineto ; 6. Koncesio, konduktoro.

L. 4. Lameno, lamenti, lato, latero (geom), lenso, lobo, lordo, lumbriko.

M. Mis ; 4. Medolo, merkato, munti, murdi ; 6. Monotona.

N. 4. Narkoti, naso, natrio.

O. 4. Oksido, oleandro, orbito.

P. 4. Panelo, paŝtelo, patricio, pedagogo, pedagogio, pelerino, pioĉo, pivoto, plago, plantago, plastiko, plebo, pluraj, pluralo, podio, provoki ; 5. Plagiato, pilo.

R. 4. Redukti (sc), regento, rezisti.

SŜ. 4. Sacerdoto, sekura, skemo, solventa, spleno, stameno, stipendio, subvencio, ŝpato; 5. Slipo; 6. Strebi, susuri, ŝrumpi.

T. 4. Trafiko.

U. 4. Uzuro.

V. 4. Valida, varo, vizo, volumeno ; 6. Vizio, vinkto, vivisekcio.

Z. 4. Zefiro.

*La kvara aldono (1929) al la Oficiala Radikaro estas presita, kun tradukoj franca, angla, kaj germana, en la jarlibro de U.E.A. (1931) p. 61-64. Pri « mis » vidu « Esperanto » (Genève), Junio 1929. La kvina kaj la sesa aldonoj, kun klarigoj en Esperanto, kaj tradukoj angla, franca, germana, hispana, itala, kaj pola, aperis en « Esperanto », Aŭgusto-Septembro 1934, kaj Junio 1935.*

---

## ĈU VERE ?

Mobiliziĝis la prezidanto,  
ne nur por Ligo sed por la Lando.  
Mobiliziĝas la pacaj anoj  
por kotizadi per ambaŭ manoj !  
Mobilizo,  
impost', kotizo,  
ne nur por lando, sed por movado :  
vi kontraŭ(p)agas al kas-blokado !

La solaj Esperant-istoj  
estas la Ĉe-instruistoj,  
ĉar ili nur « istas »  
kaj daŭre ja pistas  
la vortojn tabelajn  
en kapojn funelajn.

Ĉu por milit' necesas  
Da lad' je vasta skalo ?  
Da-lad-ier tion jesas :  
« Nur mi ĝis la finalo ! »

## TESTUDO

Dum mi sidis sur teras'  
ĝuante pri la teo,  
mi ricevis sur la tas'  
kaj sur la kap' tegolon.  
Mia fil', de sporta te-ras',  
anstataŭ la ekveo  
pro danĝera la frakas',  
ekkriis nur : « Te-golon ! »

TYNEVERUM.

---

**Ni pagu nian KOTIZON !**

# Ŝanĝoj en la Statuto de I. E. L.

Dum la Berna Kongreso, la ĉeestantaj Komitatanoj voĉdonis pri diversaj ŝanĝoj en la Statuto de I. E. L. Ĉar la ĉeestantoj estis nur naŭ, S-ro Bastien, prezidanto, submetis la decidojn al skriba voĉdonado de la tuta Komitato. Rezultis, ke la Komitato decidis proponi diversajn ŝanĝojn en la statuto, al voĉdonado de la aliĝintaj Landaj Asocioj.

La proponitaj ŝanĝoj estas jenaj :

**Par. 9, b. III.** — Aldoni la frazon : « MAH povas ricevi la monatan gazeton kontraŭ aldonpago 50 % de la abonprezo de tiu gazeto ».

**Par. 9, b. V.** — Anstataŭi la vortojn « la Jarlibron kaj la monatan gazeton », per « la Jarlibron, la semajnan kaj la monatan gazetojn ».

**Par. 11 (lasta alineo).** — Anstataŭi la unuan frazon per la jena frazo : « La Landa Asocio pagas por siaj membroj, kiuj ne estas individuaj membroj de I.E.L., la sumon fiksitan en la Ĝenerala Regularo kaj ili tiamaniere fariĝas asociaj membroj de I.E.L. »

**Par. 12.** — Ŝanĝi la tekston jene : « La internaciaj Esperantistaj fakaj... »

**Par. 13.** — Ŝanĝi la tekston jene : « kun internacia Esperantista faka... »

**Par. 14.** — Enmeti la vorton « internacia » post la vorto « kun ».

**Par. 14.** — Aldoni la frazon : « Pri enskribo de la membroj kaj delegitoj de tiuj asocioj validas la koncernaj frazoj en par. 13 ».

**Par. 15.** — Akcepti novan paragrafon : « La estraro aŭ la Komitato, laŭ la kompetenteco, rajtas fari interkonsentojn laŭ la samaj kondiĉoj kun landaj fakaj asocioj post interkonsiliĝo kun la koncerna landa asocio ».

**Par. 20.** — Anstataŭi la vortojn : « Li povas havi anstataŭanton » per « Vicĉefdelegito povas esti nomata por helpi kaj anstataŭi la Ĉefdelegiton ».

**Par. 21.** — Ŝanĝi la tekston jene : « En lando kies Asocio aliĝis al I.E.L. la ĉefdelegito kaj vicĉefdelegito estas nomataj de la Landa Asocio interkonsente kun la Prezidanto de I.E.L. La Ĉefdelegito zorgas pri nomado de taŭgaj delegitoj interkonsente kun la Landa Asocio. »

**Par. 22.** — Anstataŭi la vortojn, en la unua paragrafo : « En landoj kies asocioj » per « En lando, kies asocio ».

**Par. 22.** — Aldoni je la fino la vortojn « kaj Vicĉefdelegiton ».

**Par. 24.** — Aldoni je la fino jenan frazon : « Tamen, ne estas reelektebla Eŭropa komitatano, kiu persone ĉeestis neniun komitatkunsidon dum la lasta trijara oficperiodo ».

**Par. 25.** — Anstataŭi la vortojn « Komitatano de eksterEŭropa asocio » per « Komitatano A. »

**Par. 30.** — **Labormaniero :** Anstataŭi la lastan frazon per la frazo : « La kunvenoj ne estas publikaj ».

**Par. 30.** — **Voĉdonado :** Anstataŭi la vortojn « tri kvinonoj » per « duono ».

**Par. 30.** — **Voĉdonado :** Fostreki la vortojn « validas provizore kaj ».

**Par. 34.** — Aldoni je la fino « Li raportas al la Estraro por aprobo ».

**Par. 39 (dua alineo).** — Ŝanĝi la tekston jene : « Se la Komitato ĝin decidas, aŭ, okaze de urĝeco, la Estraro ».

***

Ĉi sube vi trovos la motivojn de la proponataj ŝanĝoj :

**Par. 9, b. III.** — Ĝis nun la membroj ne povis aboni samtempe, niajn monatan kaj semajnan gazetojn, se ili ne abonis senpere unu el la du gazetoj. Tio ne estis grava, ĉar la membroj povis enskribiĝi kiel Membroj-Subtenantoj, kun premio : ili laŭregule ricevis la monatan gazeton, kaj ili rajtis elekti kiel premion la semajnan gazeton. Sed, ĉar oni forigis la premion de la Subtenantoj, ni devas liveri rimedon por ricevi ambaŭ gazetojn. Tial ni proponas, ke la MAH rajtu aboni samtempe la monatan gazeton kun malaltigita prezo.

**Par. 9, b. v.** — La Patronoj, kiuj pagas multe pli altan kotizon ol la MAH, devas ricevi ambaŭ gazetojn senpage.

**Par. 11.** — Kelkaj personoj komprenis, ke la Landa Asocio devas pagi la kotizon de Asocia Membro ankaŭ por la Individuaj Membroj. La nova teksto ŝanĝas nenion, sed ĝi estas pli klara.

**Par. 12, 13, 14, 15** (la antaŭa par. 15 fariĝos par. 16). — Oni protestis kontraŭ aliĝon de iu Esperantista faka Asocio, kiu funkcias nur en unu lando, kaj havis sintenon neamikan kontraŭ la oficialan Landan Asocion. Por eviti tion, la Komitato opiniis, ke nur la internaciaj fakaj Asocioj povas aliĝi laŭ la reguloj de la nuna statuto, sed ke la Estraro (resp. la Komitato) rajtas fari interkonsenton kun landaj fakaj asocioj, nur post interkonsiliĝo kun la koncerna oficiala Landa Asocio.

**Par. 20 kaj 22B.** — Oni oficialigas la vorton « Vicĉefdelegito ». Ĝis nun oni metis « anstataŭanto de la Ĉefdelegito ». Praktike tiu anstataŭanto, kiam li ekzistas, estis Vicĉetdelegito.

**Par. 21 kaj 22A.** — Oni forstrekis la hipotezon, ke en iuj landoj ekzistas pli ol unu Landa Asocio. Post malapero de la du Ĉeĥoslovakaj Asocioj, tiaj landoj ne plu ekzistas.

**Par. 24.** — La sperto montris, kiel ĝenas nian funkciadon malesto de multaj komitatanoj dum la kongresaj kunvenoj.

1e. Nur en tiu momento oni povas detale klarigi la kialon de la alprenotaj decidoj, kontraŭdiri, diskuti, kaj voĉdoni en plena lumo.

2e. Ĉiujare post la kongreso oni devas rekomenci la voĉdonadon skribe, ĉar la ĉeestintaj Komitatanoj ne estis sufiĉe multaj. Sed la aliaj voĉdonantoj ne aŭdis la parolitajn klarigojn.

**ParK 25.**— Ĝis nun ni faris provon, laŭ peto de la Usona Asocio : ni permesis ke ekstereŭropa komitatano, kiu ne povas ĉeesti kongreson, nomu anstataŭanton, kiu rajtas partopreni la diskuton, sed ne rajtas voĉdoni. El diversaj flankoj oni insistis, ke ni apliku tiun regulon al ĉiuj komitatanoj A ; tio ebligus, ke ĉiu Landa Asocio havu siajn reprezentantojn, kaj aŭdigu sian voĉon ĉe la Komitato, eĉ se la Komitatano(j) de tiu Landa Asocio ne povus ĉeesti.

**Par. 30A.** — Praktike la ĝenerala sekretario devas ĉeesti ĉiujn kunvenojn de la Estraro kaj de la Komitato : li ne estas invitita, li devige ĉeestas. Kompreneble la Komitato rajtas venigi kaj demandi iun ajn personon. La frazo « La kunvenoj ne estas publikaj » estas pli simpla kaj praktike ŝanĝas nenion.

**Par. 30B kaj C.** — Neniam oni povis kunigi tri kvinonojn de la Komitatanoj. Tial oni proponas, ke sufiĉu duono ; sed samtempe ke, se la duono ne estas atingita, la decidoj ne valoru provizore ; tiam devos okazi nova voĉdono, en kiu sufiĉas la plimulto de la voĉdonintoj.

Resume : malpli multaj Komitatanoj (aŭ Estraranoj) estus necesaj por validigi la voĉdonadon, sed, se ili ne estus almenaŭ duono, iliaj decidoj havus nur valoron de simpla opinio.

**Par. 34.** — Oni proponas, ke la ĝenerala sekretario, kiu nomas la oficistojn de la Centra Oficejo kaj fiksas iliajn salajrojn, k.t.p. raportu al la Estraro por aprobo.

**Par. 39.** — Ĝis nun, ĝenerala voĉdonado de la aliĝintaj asocioj devige okazas se la Komitato — ne la Estraro — ĝin decidas. Oni proponas, ke, okaze de urĝeco, ankaŭ la Estraro povus ĝin decidi. La Estraro (5 ĝis 7 membroj) estas atingebla facile — almenaŭ la duono — eĉ en konfuzaj tempoj. Sed oni ne estas certa, ke oni povos ricevi respondojn de duono de la Komitatanoj antaŭ longa tempo.

***

S-ro Bastien sciigas, ke :

Pri par. 22A, 10 Komitatanoj voĉdonis por la ŝanĝo, kaj 3 kontraŭ.

Pri par. 24, 8 Komitatanoj voĉdonis por la ŝanĝo, kaj 5 kontraŭ.

Pri par. 30C, 10 Komitatanoj voĉdonis por la ŝanĝo, kaj 3 kontraŭ.

Pri ĉiuj aliaj, la voĉoj kontraŭ estis nulo aŭ unu.

# ESPERANTAJ RADIO-DISSENDOJ

| Tago | Horo | Daŭro | Stacio | Longondeco | Marto | Aprilo | Majo | Programo |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Dimanĉo | 1.40' | 20' | Romo | 25 m. 40 | 10-17 | | | Parolado |
| | 8.30' | 15' | Kortrijk | 204 | Ĉiuj dimanĉoj | | | Informoj |
| | 21.00' | 30' | Sofia | 353 | 3 | 7 | 5 | Kroniko |
| | 23.35' | 30' | Hilversum KRO | 301 | Ĉiuj dimanĉoj | | | Parolado |
| Lundo | 21.55' | 15' | Romo | 19.61-31.02 | Ĉiuj lundoj | | | Informoj |
| | 23.00' | 15' | Budapesto I | 549 | Ĉiuj lundoj | | | Informoj |
| Mardo | 1.30' | 15' | Budapesto Hat 4 | 32.88 | Ĉiuj mardoj | | | Informoj |
| | 22.00' | 10' | Turi | 410 | Ĉiuj mardoj | | | Informoj |
| | 22.40' | 20' | Vera-Cruz | 1460 | Ĉiuj mardoj | | | Kroniko |
| Merkredo | 20.15' | 15' | Kaunas | 1961 | 13-27 | 10-24 | 8 | Kroniko 301 m. post 1-4-1940 |
| | 21.00' | 15' | Sofia | 353 | 6-20 | 3-17 | 1 | Kroniko 301 m. post 1-4-1940 |
| Jaŭdo | 22.50' | 10' | Rio de Janeiro | 1200 | Ĉiuj jaŭdoj | | | Informoj |
| | 23.00' | 15' | Budapesto I | 549 | Ĉiuj jaŭdoj | | | Informoj |
| Sabato | 1.30' | 15' | Budapesto Hat 4 | 32 m. 88 | Ĉiuj sabatoj | | | Informoj |
| | 12.15' | 15' | Locksbergen | 202 | 9-23 | 6-20 | 4 | Kroniko |
| | 14.40' | 20' | Hilversum Vara | 414 | 9-23 | 6-20 | 4 | Parolado |
| | 18.35' | 30' | Romo | 31.02/245 | Ĉiuj sabatoj | | | Parolado |
| | 20.00' | 15' | Pernambuco | 730 | Ĉiuj sabatoj | | | Kroniko |

# AL BRUĜO

**El « Paĝoj el la Flandra Literaturo ». Kolektitaj kaj tradukitaj de D-ro Maurice Seynaeve kaj D-ro Raym. Van Melckebeke (1904).**

**K. L. Ledeganck**

« Kiu virgulinon senvivan
Iam vidis, ĵus post la morto,
Antaŭ ol fingro de l'Neniigo
Trajton difektis belajn kaj ĉastajn
Tiu ekmiris kiel anĝele kaj dolĉe,
Sur la vizaĝo, montras sin paco senfina ;
Kaj se okulon tiun senbrilan, senmovan,
Kaj se la vangon per la funebro kovritan
Li ne ekvidus, de la doloro premate,
Longe li dubus. Tiel kvieta kaj duba
Ŝajnas la morto kun la ekstero de l' vivo ;
Kaj tiel vidiĝas tiu marbordo ! »

Tiel kantis l' Angla Rapsodo (1)
Kiam, sub la suno Hellada,
Akre plendante gloron pasintan,
Li Grekolandon vidis senviva.
Tiel malĝoja, tiel ploranta kantado
Premas min kiam murojn la viajn mi vidis,
Ho vi, de longe urbo plej multe glorita !
Signojn ankoraŭ de nobeleco vi portas,
Brilon de glor'antikva vi havas ankoraŭ,
Sed vin premegas forte la mano de l'morto :
Kaj ĉe vi Bruĝon belan mi vidas ankoraŭ,
Sed Bruĝon vivantan mi plu ne trovas !

Kial kuŝas vi nun ankoraŭ
En la glora flandra ĝardeno,
Dum, la majestan kronon perdinte,
Vi belulino ŝajnas lasita ?
Kion utilas ke, nun ankoraŭ, vi Maron
Vidas, se ŝipoj fremdaj vin plu ne salutas ?
Kion utilas stratoj riĉegaj kaj larĝaj,
Se jam de longe ilin forlasis la vivo,
Kaj se la herbo, ilin jam tute kovradas ?
Kion utilas viaj belegaj domegoj,
Se malfermiĝas ties pordegoj neniam
Ho, kvazaŭ en ĉiu estus mortinto !

Kial staras temploj riĉegaj,
Kiam viaj grafaj geedzoj
Tie en kupraj tomboj kuŝadas (2)
Kvazaŭ glorante vian pereon ?
Kion utilas ke vi plej artajn trezorojn
Montras, dum vin de longe forlasis la Arto ?
Kion utilas fama belec' de virinoj
Viaj, dum ili fremdan vantecon kaj fremdajn
Gestojn al amindeco flandrana preferas ?
Kion utilas ke de la lipoj ankoraŭ
Ili fluigas dolĉe la lingvon gepatran,
Dum ili preferas fremdan lingvaĵon ?

Ho, reĝurbo tiel falinta,
Antaŭ ol mi en vin alvenis,
Nur la glorecon de vi mi konis :
En la mallum' antikva vi brilis.
Kiel steleto, poste tagruĝo, eĉ suno
El la nubar' rampanta kaj Nokton pelanta.
Tiam mi vidis viajn Kristanajn armeojn
Brave aliri Sanktan Tombejon de Kristo,
Tien la famon porti de l' flandra standardo
Kaj diskonigi vojon al via haveno.
Tuta Eŭropo vian agemon laŭdegis,
Kaj tiam vin nomis Tyr'o alia.

L'orientan lukson en viajn
Murojn alportitan mi vidis
Kun la sciencoj, kiujn de longe
En Oriento oni gardadis.
La laboremon, fonton de la komercado,
Ĉe vi mi vidis grandan estigi prosperon.
La kreopovon, fonton de l'artoj, mi vidis
Tiun prosperon die mirinde briligi ;
Kion kuraĝis via idaro mi miris ;
Kaj eĉ reĝinon ekkolerantan mi vidis,
Ĉar en la sekvantaro de viaj virinoj
Ŝi nur da reĝinoj aron ekvidis !

Sed la kaŭz' de l' ĝojo plej granda
Por mi estas via braveco ;
La liberecon, kiel la ĉastan
Lingvon patrujan, ĉiam vi amis :
Ĉia insulto, unu el ili frapanta,
Tuj en armeon al formigis l' idaron ;
Tie mi vidas kiel du flandraj paroloj,
Kiuj sonegis tondre por la malamikoj,
Estis signalo de la plej glora milito ;
Tie mi vidas kiel ekkrio por venĝo
La militamon naskis en la Kortrejkkampoj (3),
Kaj ĵet's al tombo francan potencon.

Tradukis : Maurice SEYNAEVE.

*(Fino en la sekvonta numero)*

---

(1) Vidu « Giaour » de Lord Byron.

(2) Aludo al la belegaj kupraj tomboj de « Charles-le-Téméraire » kaj « Marie de Bourgogne » en la ĉefpreĝejo de Bruĝo.

(3) Aludo al la sanga ! Batalo de l'Oraj Spronoj » kiu okazis ĉe la kamparo de Kortrejko (Courtrai).

## NEKROLOGA ARTIKOLETO

Ĉu ŝi estis Esperantistino, fervorulino, propagandistino Jes, ŝi estis, kvankam ŝia agado ne povis esti grandskala. Kelkaj el niaj plej malnovaj samideanoj memoros ŝin, ĉar ŝi ja estis jam tre malnova Esperantistino, tiel malnova kiel mi mem, tio estas de Oktobro 1906-a. Mi loĝis en Antverpeno, ŝi en Lieĝo. Mi faris varman reklamon pri mia nova studo, kaj, kiam mi vizitis ŝin je Kristnasko, ŝi faris al mi la surprizon alparoli min en Esperanto. Ŝi estis sekvinta kurson, sen mia scio, kurson kiu precize je la sama epoko estis farita en Lieĝo. Kaj de tiu tempo ŝi ĉiam restis aliĝinta al nia movado kaj propagandis kiel ŝi povis. Kie estas ankoraŭ niaj tre malnovaj samideanoj kiuj vidis ŝin kun mi ĉe la unua Belga Kongreso en Verviers, en 1909? Kiu memoras ŝian ĉeeston ĉe ambaŭ kongresoj en Lieĝo, en 1921 kaj 1930? Kaj en Antverpeno ĉe la mondkongreso en 1928 kaj ĉe la nacia en 1932? Kiu memoras ankoraŭ ion pri ŝia personeco, pri ŝia neegalebla afableco, agrableco, vivĝojo kaj beleco? Kaj kiu scias aŭ memoras ke ŝi estis mia tutviva koramikino, kiu partoprenis ĉion, kun kiu mi travivis ĉion, reale aŭ letere, kiu skribis ankoraŭ al mi du tagojn antaŭ sia malsaniĝo, la 29-an de la lasta decembro, kaj al kiu mi skribis ankoraŭ kiam ŝi jam estis mortinta?!

Ha, tiu virino kvazaŭ senmorta, ĉiam gajaspekta kaj juna, havis tamen siajn ĉagrenojn, siajn dolorojn, kiuj inside formortigis ŝin. Malsana filino, malsana nepineto, por kiuj ŝi ĝis la lasta kapablo oferis sin. Kun siaj karaj malsanulinoj ĉirkaŭ si, ŝi devis siavice enlitiĝi. Ŝiaj fortoj estis elĉerpitaj ; post dusemajna malsano ŝi forlasis nin poreterne.

Mi nenion sciis pri la malsaniĝo, la telegramo venis kiel tondrobato. Mi sukcesis alveni en Fléron je la vera momento kiam oni elkondukis por ĉiam la plej grandan trezoron de mia vivo. Ŝia nomo? Lucy, ma Luke, S-ino Generaledzino Mozin.

Maria ELWORTHY-POSENAER.

Jan. 1940.

# La «MINIPIANO» BRASTED

PREZENTATA
de
**Gustave FAES**
**Marché aux Souliers**
**Schoenmarkt, 16**
**ANTVERPENO**

KOSTAS **Fr. 4,400**



Se vi filmas
aŭ intencas filmi
VIA INTERESO
ordonas ke
vi vin turnu al

**Cinama**

Avenuo Louise, 46a,
BRUSELO
Tel. : 12.40.13
*Korespondas*
*en Esperanto*

CINEASTES
DES PRIX ÉTUDIÉS
DES
conseils avisés
UNE
garantie absolue
UNE
expérience inégalée
UN
laboratoire modèle
SANS CONCURRENCE
CINAMA
La plus forte maison du pays
Spécialisée dans les films étroits
Av. Louise. 46a BRUX. Tél: 12.40.13

Indien ge filmt of het inzicht hebt te filmen, gebiedt u UW INTREST u te wenden tot

**CINAMA**

Louisalaan, 46a BRUSSEL Tel. 12.40.13

OSTENDO BELGUJO
**HOTEL VROOME**
*RENDEVUO DE LA ESPERANTISTOJ*
20, BULVARDO ROGIER. — Tel. : 37.

BELGA MARBORDO
**Grand Hôtel d'Oostduinkerke**
Bone konata de multaj Esperantistoj.
—o—
P. Benoit, Posedanto

**Hôtel du Cornet d'Or**
**2, PLAC SIMON STEVIN (BRUĜO)**
Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista (Reĝa Societo).
:-: Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝajoj. :-:
—o—
*Oni parolas Esperanton. — English spoken.* DS (106).

**"GEVEA" Sapo...**

G. VERMANDERE
Wetstraat, 15, Antverpeno

**La esperantistaj gepatroj donas al siaj infanoj :**

**"Paidophile Siropon"**
**kontraŭ tuso, kokluŝo, febro, ktp.**
**— Mirindaj rezultatoj —**
**En ĉiuj apotekoj : 7 kaj 12 fr.**

**APOTEKO J. BONGE**
**— LA LOUVIERE —**

## Estraro de "Belga Ligo Esperantista"

**Prezidanto** : D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)
**Vicprezidantino** : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)
**Vicprezidanto** : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777.58.)
**Sekretario** : S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
**Kasisto** : S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO. Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.